ROK XXVI.
STYCZEŃ
N-r 1.

JARO XXVI.
JANUARO
N-o 1.



EL POLLANDAJ VIDINDAJOJ.



Kristo en olivarbareto antaŭ la preĝejo de S-ta Barbaro en Kraków.




# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

**WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW**

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ

REDAKTOR ODPOWIEDZIALNY: JULJUSZ KRISS.

---

**PRENUMERATA:** rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.

**ABONO:** jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—

Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Eksterlande jarabono — 1 dolaro.

Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.

---



---

**PRZEDSTAWICIELE — REPREZENTANTOJ.**

**Katowice:** Soc. de Esper. Amikoj, Wawelska 3.

**Paryż:** S. Grenkamp, Paris 6. 4 rue de Vaŭgirard.

**Warszawa:** Pola Stud. Esperantista Societo, Leszno 99. m. 5.

Przyjmują zamówienia abonament. i ogłoszenia do „Polskiego Esper." i „Pomocniczego Języka Świat."

Akceptas abonojn kaj anoncojn por „Pola Esperantisto" kaj „Pomocniczy Język Światowy".

---

**WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!**

**Atentu!** Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".
Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—
Enpagu tuj je nia PKO. Konto 406.660.

---

**DO P. T. CZYTELNIKÓW!**

**Upraszamy uprzejmie P. T. Czytelników o załączanie znaczka pocztowego na odpowiedź, przy wszelkiej korespondencji, zarówno redakcyjnej jak i administracyjnej.**

# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

| ROK XXVI JARO | KRAKÓW<br>STYCZEŃ 1932 JANUARO | Nr 1 N-o |
|---|---|---|



# NIAJ PROGRESOJ DUM LA LASTA JARO.

Ĉiujare evidentiĝas, ke la afero faras konstantajn progresojn. Tuta inteligentularo pli kaj pli komprenas neceson de la helpa lingvo kaj konscias nur unu solvon: Esperanto. De tempo al tempo ekekzistas maloportunaj provoj de la kreado aŭ kreaĉado de alia helpa lingvo, eĉ pere de kripligo de alia jam ekzistanta, bela, natura ekz. t. n. anglic, sed tio nur pruvas la neceson de jam akceptita de ni unika logike pruvita Zamenhofa kreitaĵo.

Plej bona pruvo, ke la internacia publiko alkutimiĝas al nia lingvo, estas diverslanda gazetaro, kiu pli kaj pli serioze pritraktas esperanto-movadon. Tion mi rimarkis dum mia vojaĝo en Danujo kaj Nederlando, samon oni vidas en Germanujo, Francujo eĉ en Usono kaj Anglujo. Estas vere rimarkinde de lastatempe en Ĉinujo oni protestas kontraŭ japana militista okupado de Manĉurio esperantlingve. Protestoj de Ĉinujo estas multnombre disvastigataj tra diversaj landoj. Japanujo ĝis nun ne respondis. Tia sintenado ne estas oportuna por Japanujo. Ĝi devas siavice klarigi la situacion.

Japanujo estas ja lando de tre vigla esperanto-movado. El decembra n-ro de la Verda Ondo ni ekscias, ke la nombro de esperanto-kursoj atingis en 16 urboj la ciferon vere imponan de 712 dum la pasinta jaro. Ni priparolos la aferon pli detale, ĉar la movado estas seriozega! Aliloke ni detale parolas pri la movado en Usono, kiu estas ne malpli interesa. La lasta kongreso en Kraków pruvis, ke ĉiuj eksterlandanoj ne parolantaj landan lingvon, cetere tre malfacilan, povis perfekte interkompreniĝi kun multaj poloj en hoteloj, magazenoj, restoracioj, dum la ekskursoj. Esperanto jam estas ofte uzata. Ŝajnas, ke Pariza nunjara kongreso faros saman impreson en Francujo.

Rapide menciante la ĝisnunajn progresojn, ni ne povas ne sciigi unuavice al nia legantaro, ke la Hispana Respubliko ŝajnas esti plej esperantema el ĉiuj Registaroj, ĉar por la estonta jaro ĝi votis 50.000 pesetojn por instruado de nia lingvo en diversaj urboj.

Diversaj Registaroj enkondukas jam esperanton en la lernejojn: Aŭstrio, Britujo, Grekujo, Nederlando, Polujo. Itala Turista Klubo eldonis belegan Gvidlibron tra Milano. Tria Sudamerika Kongreso de Turismo en Rio Janeiro voĉdonis por la eldono de gvidlibroj por Turismo en

lernejoj. Ankaŭ inter grava Asocio de Rotary-klubanoj oni rimarkas poresperantan movadon. Ni ne povas hodiaŭ citi ĉiujn antaŭenpaŝojn de nia movado.

Grava estas la kreo de Esperanto Cseh-Instituto en Arnhem. La Cseh-instruado faras ĉie bonegan efikon kaj obligas la esperantistaron. Talenta terglobvojaĝanto Scherer, je la iniciato de I. C. K. popularigis esperanton inter ĉiuj landoj de la globo.

Kaj la Gazetaro? nun ĉiu esperantisto povas trankvile informiĝi pri ĉiuj novaĵoj, legante semajnan Heroldon. Pariza Movado bonege redaktata kun kutima franca spriteco kaj humoro; Germana Esperantisto enhavas ambaŭ diversajn sciigojn, kiujn oni alie ne trovas en la gazetaro. Esperanto en Ĝenevo entenas ĉiam gravan informojn pri la ĝenerala movado kaj antaŭ ĉio la artikolojn de nia amata Majstro Privat.

En mallonga tempo ni intencas priparoli ĉiujn esperantajn gazetojn: Brita Esperantisto, Belga, Brazila, Amerika, Itala, Sveda k. al. Entute nia redakcio ricevas regule ne malpli ol 50 gazetojn kaj pli ol 50 diversajn neregule aperantajn.

Specialam atenton meritas reaperinta Literatura Mondo, en kiu ni trovas originalajn kaj esperantigitajn literaturaĵojn.

Diversaj multaj novaj literaturaj verkoj, tiu-ĉi-jare eldonitaj, pruvas viglan disvolviĝon de la lingvo kaj movado.

Multaj nacilingvaj gazetoj komencas oferi al la legantaro esperantan angulon. En Francujo nia vigla samideano G. Avril eldonas trimonatan franc- kaj esp.-lingve redaktatan La Tribune. En Bydgoszcz nia ŝatata samideano Pankratz oftege publikigas en Volkszeitung gravajn sciigojn. Krakova Kurjer Ilustrowany regule donas esperantajn novaĵojn. Ĝi estas plej disvastigita pola ĵurnalo kun pli ol 300.000 abonantoj kaj granda influo. Entute polaj ĵurnaloj, kiuj estis ĝis nun tre skeptikemaj post la Kongreso ŝanĝis favore por esperanto sian opinion. Nur la menciita Kurjer, kiu antaŭ 20 jaroj partoprenis nian unuan krakovan (Okan) Kongreson restis samopinia kaj al ni fidela dum la tuta tempo.

**O. Bujwid.**

# ESPERANTO MOVADO EN NORDA AMERIKO.

Landoj parolantaj anglalingve povus facile rifuzi iun ajn alian lingvon kiel internacia. Ja parolas ĝin ne malpli ol 150—200 milionoj da homoj sur la terglobo. Kiam Britoj kaj Nordamerikanoj komencis kompreni, ke ilia lingvo ne sufiĉos por internaciaj rilatoj, ni povas esti certaj, ke tiu penso venkos en pli aŭ malpli longa tempo.

Kiam ili akceptis Esperanton kiel mondlingvon, estas certigite, ke ni staras antaŭ la solvo de la problemo de internacia lingvo.

En la lasta n-ro de Amerika Esperantisto, organo de Esp. Asocio de Nord-Ameriko, ni trovas kelkajn detalojn pri esp. movado, kiujn ni ĉi tie volas priparoli iom pli detale.

**Esp. Asocio de Nord-Ameriko** estas tre forta, baziĝas sur 13 societoj en: **Boston, New-York, Philadelphia, Minneapolis, Washington, Milwaukee, Newark N. J., Los Angelos, Pasadena, Seattle, Nashville, Madison.** Sub la prezido de nia konata samideano **H. W. Hetzel**, kiun ni vidis

partoprenanta preskaŭ ĉiujn kongresojn, sub la vic-prezido de same bone konata vigla **P. P. Christensen** la Asocio estos en 1932 sian 25-jaran jubilean kongreson en Los Angeles.

Eldonaĵoj de **N. A. Asocio** estas eldonataj lukse kaj belege. Neniu eŭropa revuo similas al ĝi. Nur unu en Eŭropo estis simila: la polusa vojaĝo de Andree, eldonita en Svedujo. Estas nepre vidinda bela Amerika Esperantisto, se iu el niaj legantoj ankoraŭ ĝin ne vidis.

Ni trovas en la lasta n-ro detalan priskribon de sukcesaj propagandartikoloj kaj paroladoj en diversaj urboj.

En **Austin** Texas s-ro Prof. A. **Kenngott** reveninte el Eŭropo skribis en **New York Times** artikolon pri Esperanto. S-ino **Kenngott** el Amsterdam tre vigle laboras esperantlingve. Ni volonte kungratulas al gesroj Kenngott kaj bondeziras ĉiujn eblajn sukcesojn.

**Philadelphia** Esp. Soc. aranĝas ĉiumonate diskutojn pri internaciaj rilatoj kaj kolektas por la diskuto diversfakulojn. Diskutado pri Esperanto estas ofta okazaĵo.

**Milwauke'a** Esperanto Klubo kunhelpata de s-ro **K. Froding** de la **Amerika Esp. Instituto** kaj kun helpo de s-ino **Frieda Frank** aranĝas oftajn ekspoziciojn kaj pruvas dume bezonon kaj utilon de Esperanto.

Samideano **Christensen** vigle kaj senlace laboras en **Los Angeles** en la politeknika altlernejo. Laboro estas subtenata en L. A. de s-ro **C. E. Kodil** kaj s-ino **Winefred Woodhouse**, ĉefo de la programa Komitato.

Dank' al nelacigebla laboro de s-ro Dro **A. Rudy**, unu el la unuaj pioniroj de la esp. movado en Ameriko, en **Houston, Texas** forte kreskis la interesiĝo por Esperanto.

**New York City** Esp. Klubo Harmonio aranĝis granvan kunvenon en la hotelo Holland. Radio-disaŭdigo de esp. kursoj gvidataj de s-ro **Berthold Schmidt** ĉiusemajne okazas per **Brooklyn** stacio.

La dua fako de **New Yorka Esp. Soc.** organizis specialan kurson por legantoj de **New York Herald Tribune** en oficejo de s-ro **P. Maiwurm** en **Holland Hotel.** S-ro **J. J. Butler** prezentis al la aŭdantaro mallongan historion de la evoluo de Esperanto kaj s-ro Maiwurm elokvente diskutis pri la graveco de Esp. por vojaĝantoj. S-ino **Cora L. Fellows** kiel oficiala instruistino komencis „fabriki esperantistojn", kio bonege sukcesis. Sendube multaj, esperantistoj post tiu kurso scipovos Esperanton ne nur „skribe" sed ankaŭ „buse".

Samtempe la 3-an de oktobro okazis jara kunveno de **New Yorka Esp. Societo en Hotelo Endicott,** jam de longa tempo ĉiumonata rendevuejo de la societanoj. Dum tiu kunveno s-ro **Martha Root,** vaste konata vojaĝantino (konata amikino de la familio Zamenhof), eminenta gvidantino de la Baha'a Movado, kiu dum pli ol naŭ jaroj ekkonis preskaŭ ĉiujn landojn de l' mondo, prelegis en perfekta esperanta lingvo pri la progreso de Esperanto sur 5 kontinentoj. Neniu krom s-ino Root povas tiom bone juĝi pri valoro de Esperanto, ĉar ŝi (kaj eble ankoraŭ s-roj H. Hetzel, P. Christensen kaj E. Parrish) povis persone konvinkiĝi pri la valoro de lingvo tutmonda en grandaj kaj malgrandaj landoj senescepte. Aŭdantaro multnombra, kiu atente aŭskultis, varmege aplaŭdis la prelegantinon. Multaj gazetoj raportis pri la afero.

La 7-an de novembro dum la monata kunveno estis festvespero je la honoro de Prof. Jens Schjerve konata instruisto laŭ Cseh-metodo, alveninta el Norvegujo. La metodo de fama esperanto instruisto, Pastro

Cseh vekis grandegan intereson en la publiko kaj la gazetaro. S-ro Sussmuth opiniis, ke per enkonduko de tiu ĉi metodo komenciĝos en Ameriko nova poresperanta epoko. Ĉeestis tiun kunvenon s-ino Alice V. Morris konata sekretariino de la I. A. L. A. (Internacia As. de Helpaj Lingvoj).

Internacia Instituto de la **Kristana Virina Asocio** en **Cuyahoga Fall Ohio** aranĝis tre interesan propagandan kunvenon poresperantan dank' al la klopodoj de s-ro **Fenton Stancliff.** Propagandaj folietoj estis larĝe disdonataj.

En **Topeka, Kan,** Pastro **J. H. Fazel** organizis viglan esperanto-kurson.

**Seattle Esp. Societo** kreskas je la membraro kaj obligas esp. kursojn speciale radiokursojn.

**Arlington Mass.** La 3-an de oktobro estis kunvokita speciala kunveno por aŭdi s-on Sowabini, kiu multe propagandis por Esperanto kaj rakontis pri siaj spertoj.

**Madison,** Wiskonsin. **Amerika Instituto anoncas venontjare eldonadon de populara scienca revuo. Tio estos io unika en tiu speco.** S-ro Karl Froding direktoro de la Instituto estos redaktanto.

En la nomo de ĉiuj scienculoj tutmondaj mi, kiel nuna Prezidanto de Internacia Scienca As. korege gratulas kaj esprimas miajn bondezirojn por tiu grava eldonaĵo!

**Detroit,** Mich. La 22-an de oktobro okazis jara kunveno en la altlernejo de Komerco. Estas starigita nova kurso por komencantoj. Kiel oficistoj funkcios: Prezidanto dro Tobias Sigel, Vicprezidanto s-ro Saul Jaffe, Kasisto s-ro Josef Leisten.

**En Winter Park,** Fla. Prof. Edw. L. Clarke aranĝis esperantan ekspozicion, kursojn kaj Esp. Klubon.

**Hamilton,** Ontario, Canada. Entuziasmiga kunveno okazis 24-an de oktobro, kie oni multe diskutis pri Esperanto sub la gvidado de prof. E. J. Bengough el la Universitato de McMaster, s-ro Fred Kaeble, germana esperantisto kaj s-ro Mould de la Esp. Clubo Toronto. Estas organizitaj tri esperanto klasoj.

Mi ĉi tie raportis pri la lastaj Amerikaj novaĵoj, kiuj devas esti sciigitaj al la tuta nia legantaro kiel ekzemplo de la vera prosperado de Esperanto-movado en la Norda Ameriko. Ni gratulas kaj kore bondeziras. Estas Usonanoj, kiuj antaŭenpuŝas la tiom gravan por la tuta homaro aferon. Ni ĉiuj en Eŭropo sekvu ilin!

Mi nur bedaŭras, ke mia traduko el angla lingvo ne estas sufiĉe preciza. Ĉu Amerika Esperantisto estonte ne preferos publikigi tiom interesan priskribon esperantlingve?

**Prof. O. Bujwid.**

## LA KONGRESKONDIĈOJ.

Al la artikolo de s-ro Ali. „La grava problemo" en Nr. 11 de nia organo la prezidanto de la ICK s-ro John Merchant-Sheffield sendis al ni la sekvantan klarigon:

Se iu scias taksi la valoron de laboro kaj detala klopodo por universala kongreso tio certe estas la ICK. Post la necesa esplorado de la situacio, korespondado kun la respektiva lando kaj poste per partopreno de ĝia oficejo en sufiĉe da detallaboro (preparado, ekzameno, konsilado, propagando ktp) ĝi mem plej profude okupas sin pri la universalaj kongresoj, kiuj tamen estas nur parto

tkvankam sufiĉe grava) de ĝia vasta laborprogramo. Ankaŭ poste ĝi kiel preskaŭ sola instanco ekzamenas la finkalkulon por diskonigo al la publiko esperantista post ordigo de ĉio.

Tiam efektive ne plu estas eble diri ion plian krom pravigitaj gratuloj kaj dankoj por la bona kaj sukcesa aranĝo. Se okazas poste kriado pri deficito, la kaŭzo estas sufiĉe profunda kaj neniel la financa partopreno de la ICK.

La artikolo malprecize indikas la kondiĉojn por invito de universala kongreso.

La ICK okazigas la universalajn kongresojn kaj komisias ilian organizon al loka organiza komitato (§ III, Kontr. de Helsinki). Ne la landa asocio invitas la kongreson, sed la koncerna interesita loka organizo. Por konsidero de invito formalaj aprobo kaj subteno de la Nac. Societo en KR estas necesa. Por akcepto de la invito de ICK fine devas ekzisti oficiala invito de aŭtoritato kiel ŝtato, urbo, turisma unuiĝo, komerca ĉambro a. s.

La loka organizo (kiu formas la LKK-on) organizas la kongreson laŭ komisio de kaj en kunlaboro kun la ICK rilate certajn detalojn laŭstatute fiksitajn. Ĝi pagas licencon de 20% de la kongreskotizoj, kies sumo servas por kontribuo al la budĝeto de la ICK. La licenco estas dekomence apartigata (monate pagata laŭ la kotiz-enspezoj) kaj ne aperas en la kuranta budĝeto. La budĝeto estas starigata sur bazo de la neta kotizo.

Por asekuri la LKK-on kontraŭ deficitoj, sur bazo de precitaj kalkuloj unueca kotizo por ordinara kongreso estas fiksita, kiu de post pluraj jaroj estas sv. frk. 25.— Ĉe minimuma partopreno ĝi normale sufiĉas por ekvilibrigo de l' kongresa kalkulo. Por tamen kontraŭstari al pliaj malfacilaĵoj dum la ekonomia kriza periodo de post 1926 estas aldonita la kondiĉo de starigo de garantia kapitalo netuŝebla por la kuranta kongres-budĝeto. Subvencio de la invitanta aŭtoritato, ĉu mona, ĉu materiala, povas esti konsiderata kiel egalvalora. Estas en la intereso de la ICK mem mastrumi tiel, ke ĝi povas uzi la garantion por postkongresaj laboroj.

La **ICK respondecas** morale pri la budĝeto kaj la kalkulo de kongreso per ekzameno kaj revizio de ambaŭ, plue per kontrolo laŭ monate submetota konto-resumo de la LKK.

Plia respondeco ne estas ebla. La LKK disponas pri la budĝete aprobitaj ciferoj tute libere kaj memstare. La ebleco de gravaj eraroj ne estas evitebla per plej severa kontrol-aranĝo. La jura bazo por rilata asekuro estus tre komplika formala afero kun persona respondeco. Sed ankaŭ ne ekzistas internacia leĝo ebliganta ĝin.

Plian respondecon la ICK povus preni sur sin nur per kreo de centra kongresa kaso en propra administro. Tia organizo jam ekzistis en nia movado, sed montriĝis kiel netaŭga kaj ne konforma al la hodiaŭa situacio. La LKK konsistas el honoroficaj kunlaborantoj.

**La aranĝo laŭ reguloj de la ICK (en konekto kun la kontrakto de Helsinki) de post 6 jaroj asekuris la lokajn komitatojn kaj la esperantistaron je surprizoj kiel la deficito de Vieno.**

Gajnoj, kiuj ne ekzistas, ne povas esti dispartigataj. La kongresa kalkulo de Krakovo finiĝas sen gajno (bedaŭrinde, pro la ekonomia situacio). La „gajnoj" al ICK de la lastaj kongresoj, (dispartigotaj laŭ § 5 de la Kongresa Regularo) atingis dum la **lastaj 6 jaroj** entute la rondan ciferon de sv. **frk. 775**.—

Modifo de la rilata regulo tamen estas jam antaŭvidita pro principaj konsideroj.

Neniaj „aliaj devigoj estas surŝutataj" sur la kongres-kason. Por la starigo de la budĝeto estas fiksitaj reguloj, kiuj konformiĝas al la principo de kiel eble plej racia uzo de la enspezoj de l' movado. La ICK pri tio respondecas al la Generala Estraro de la movado. La koncernaj detaloj cetere estas fiksataj interkonsente kun la LKK kaj kompreneble interne de la eblecoj. Tiuj reguloj ankaŭ enhavas la principon, ke ĉiu entreprenado devas porti ĉiujn kostojn, kiuj ekestas por ĝia plenumo.

La direktoro de ICK ĉeestas la kongreson kiel konst. generala sekretario de la kongresoj kaj krom la ICK-kunsidoj interne de la kongresprogramo okupas sin ekskluzive pri kongreslaboroj. En antaŭaj kongresoj laŭ sia financa povo la LKK invitis lin sufiĉe da tempo antaŭ la kongreso por kunlaboro.

Pri tio, kion la ICK „ĉer pas sufiĉe abunde el la rapide sekiĝanta fonto de la kongresa kaso" informas tute klare la publikaj kongres-raportoj kaj la financraportoj de la ICK, reviziitaj per organoj de la Generala Estraro (KR kaj UEA).

Pri la praktika kunlaboro al la kongreso atestas la ampleksaj akto-dokumentoj de la ICK-oficejo.

Modifoj kaj plibonigoj en sistemo estas ĉiam fareblaj. Sistemon mem oni ŝanĝas nur en kazo de neceseco post tre prudenta ekzameno sur bazo de spertoj. Kiu deziras fari utilajn proponojn por ŝanĝoj havas la devon fari la samon kaj poste nur krei iniciaton.

Sed polemiko ne estas celita per ĉi tiu artikolo. Ĝi nur celas klarigon de la situacio.

---

La supra klarigo pri la temo tuŝita en mia artikolo en „Pola Esperantisto" detaligas nur tion, pri kio mi skribis, sed neniel refutas la ĉefan ideon de mia artikolo. La tendenco de la artikolo estis elmontri, ke ICK estas aranganto de la kongresoj kaj tial ĝi devas esti ankaŭ responda pro ĝia mal- aŭ sukceso.

La klarigo jesas plene la esencon de mia artikolo kaj penas nur senkulpigi la nunan staton per juraj motivoj, kiujn mi ne neas. Ke ICK. mem konscias ĝian nenormalecon pruvas plej bone jenaj frazoj: „modifoj kaj plibonigoj en sistemo estas ĉiam fareblaj" kaj „modifo de la rilata regulo tamen estas jam antaŭvidita pro principaj konsideroj", kvankam ĝi ne precizigas la eventualajn ŝanĝojn.

Por ne ripetiĝi mi ne parolos nun plu pri la afero, ĉar sufiĉas por mi la fakto, ke de la aŭtoritata flanko estas mia tezo konfirmita kaj la neceso de ŝanĝoj estas konsciata. Alf.

# POLAJ MILITBLINDIGITOJ APOGAS ESPERANTON.

Meze de decembro 1931 okazis en Varsovio jarkunveno de delegitoj de Unuiĝo de Militblindigitoj de Pola Respubliko, dum kiu estis i. a. pritraktata ilia sinteno al Esperanto. Post mallonga referato de kapitano J. Silhan oni tralegis la salutleteron de unu el plej meritplenaj pioniroj de esperantismo inter blinduloj, s-ro Harald Thilander, sekretario de UABE, el Stocksund (Svedujo), kun sekva enhavo:

**KARAJ, ESTIMATAJ SINJOROJ!**

Sinjoro kapitano Jan Silhan sciigis min pri la kunveno de via estimata kaj grava organizaĵo, kaj mi deziras utiligi tiun scion por saluti vin — saluti ankaŭ je la nomo de nia internacia organizaĵo, Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj, de nia tutmonda blindulmovado.

Antaŭ tridek jaroj ni, kelkaj blinduloj, trovis mirindan rimedon por internacia unuiĝo kaj por tutmonda kunlaborado. Tiu mirinda rimedo, tiu potenca ilo estis la jam antaŭ 45 jaroj kreita internacia, neŭtrala helplingvo, Esperanto. El Polujo, el Via glora lando ĝi venis, ĉar ĝia eltrovinto estis Polo, kvankam li, kiel ĉiu, apartenas al la tuta homaro. Ni havas do fortan kaŭzon danki al via lando pro tiu granda viro, pro doktoro Ludoviko Lazar Zamenhof — kiel pro ĉiom da aliaj grandviroj.

Nia areto — la areto de blindaj esperantistoj — iom post iom kreskis kaj hodiaŭ ni jam estas miloj en trideko da landoj en ĉiuj partoj de la mondo. Per facila, senĝena, intima korespondado, per niaj internaciaj kongresoj kun ilia mirinde intima kunvivado inter plej diferencaj nacianoj, kaj per nia internacia gazeto ni fariĝis kvazaŭ unu popolo kun samaj interesoj kaj komunaj idealoj.

Ni salutas vin, honorindaj Sinjoroj, kaj invitas vin aliĝi al nia aro. Ni petas vin ke vi bonvolu preni por unu el viaj gravaj taskoj ankaŭ la disvastigon en ĝia hejmlando, en ĝia lulilo, de Esperanto, de tiu mirinda lingvo, kies plej valora ideala eco estas ĝia fratiga kapablo, kaj kies praktikaj uzeblecoj estas preskaŭ senlimaj.

Vivu benate via organizaĵo! Vivu benate Polujo, la glora nacio, la lulilo de Esperanto, la naskiĝolando de Zamenhof! Vivu Polujo!

**Harald Thilander. Sekretario de UABE.**

**Stocksund,** la 11 .XII. 1931.

Tiuj ĉi belaj kaj koraj vortoj konvinkis la delegitojn, prezentantajn la militblindularon en Polujo, ĉar oni decidis unuanime, ke la unuiĝo aliĝu al Universala Asocio de Blindulorganizaĵoj; subteni la oficialan organon de ĉi tiu asocio „Esperantan Ligilon" per 150 sv. fr. po jare; akceli la ideon de esperantismo same inter- kiel ekster la organizaĵo. Oni esprimis ankaŭ la unuaniman deziron, ke la novkreitaj per internacia novjorka kongreso institucioj: World council for the blind kaj ĝia oficejo en Parizo, prenu Esperanton kiel sian statutan lingvon; ke ili progresigu Esperanton inter la blinduloj; ke la blindulorganizaĵoj uzu en la interrilatoj kun la frataj organizaĵoj de aliaj popoloj la lingvon Esperanto; ke ĝia instruado estu enkondukita en lernejojn kaj institutojn por blinduloj.

Estas certe, ke Unuiĝo de Militblindigitoj (Varŝavo, Nowy Świat 28), konata kiel vigla kaj energia organizaĵo, grave apogos la progreson de esperantismo ne nur inter militblindigitoj, sed ankaŭ inter siaj civilaj samsortanoj kaj en la internacia esperanto-movado.

**Jan Silhan.**

**WŁADYSŁAW GOSTYŃSKI.**

# PRESEJO ESPERANTA

**(Malgranda propaganda poemo originale verkita)**

Presejo esperanta estas fantazia dialogo inter poeto kaj presejo. Estrado prezentas modernan rotacian presejon en prespalaco de granda ĵurnalo. Estas la 7-a kaj duono, matene, decembre. La presejo jus elĵetis lastan hodiaŭan mutacion, kaj spiras senmove. Eniras poeto. Li estas vestita kiel meĥanikisto. Li havas malpuran, bluan kombinacion. Lipharoj razitaj. Li tenas en la dekstra mano briletantan stangeton. Ĉu ĝi ne estas kapelestra bastoneto?

Laboron de la presmaŝino imitas voĉe la **ĥoro** kiu konsistas el 6 personoj 3 virinoj kaj 3 viroj. Ili reprezentas diversajn partojn de la rotacia presejo.

Kiam la ĥoro deklamas unisone, mi uzas en la manuskripto la signon „Ĥ" Sed kiam devas paroli nur la virina parto de la ĥoro, mi donos la signon „In" „Vir" signifos analoge la virseksan parton de la ĥoro, kaj la mallongigoj „Ten" „Bar", „Bas", „Sop", „Mez" kaj „Ald" la diversajn ĥorajn voĉojn.

Kiam la forto de la voĉo pli — (aŭ malpli-) grandiĝas, mi metas sub la frazo la signon — (aŭ —).

Kiam la tempo rapidiĝas aŭ malrapidiĝas, mi metas **super** la frazo en krampetoj la signon (rap.) au (malrap.) Aliaj indikoj staras aŭ super aŭ antaŭ la frazo, ĉiam en parentezo. Vortoj akcentitaj estas presitaj **dike.**

Se la poeto ne povus bone konduki la ĥoron, estus necese anstataŭigi la sufloron per energia direktanto. Dum la unuaj provoj uzu metronomon.

La kurteno leviĝas.

Poeto (malrap., forte, al presejo)

**Moviĝu!**

H. (kaŝe, post paŭzo)

Spirite...

P. **Presu!**

H. Kvalite...

P. Nu **jam!**

Bas. Tuj —

In. (post paŭzo) Unu **du.** Unu **du.**

P. **Do,** ni komencu nian belan taskon

In. (ridetante)

Volvi versfaskon

Vir. (serioze) Unu **du.** Nnu **du.**
P. Nu **jam!** Komencu! La tempo rapidas!
Ten }
Bas } Ni vidas.
In. Ni ridas
Bas. Ni gvidas
In. Ni fidas.
P. (rap.)
Tuj, tuj!
Vir. Unu **du.**
Sop. }
Mez. } (serce, longe) Iom...
Ald. (ironie, post paŭzo) Cu ne?
(rap.)
P. Ho presu! Premu! Presu rapide!
Eldonu senĉese, eldonu solide!
Sop. }
Mez. } (rap.)
Unu **du.**
Ald. Unu **du.** (rap.)
Bar }
Ten. } Unu du.
Bas. Unu **du.**

---

P. (al Publiko)
**Atentu publiko!** Ĉu vi aŭdas?
(al presejo) Nu
Turniĝu, turnu, perfekte, konstante
(rap.)
Eldonu, presu, varbu esperante
(malrap.)
**Benu** nian Majstron, kiu **kreis** nin!
H. (kaŝe, malrap.)
Espero, obstino, jen nia destin'
Sop. Unu **du.**
In. Unu **du.**
In. }
Ten. } Unu du **tri.**
H. Unu du **tri.**

---

Sop. }
Mez. } (enfalante)
Ni premas jam, ni presas
Ten. }
Bar. } Ni agas ja senĉese
In. Ni semas Esperanton.
Vir. Sukcese kaj progrese.
H. (entuziasme)
Ni benas nian Majstron, ni benas lin karese
Ni varbas esperante, konfese kaj senĉese
P. Ho! kiel flue vi nun parolas, mia kara presejo esperanta (karesas la presejon)
(al publiko)
**Aŭdu!** Ni ĉiuj estas **pioniroj**
**De** l' alta ideo **verdaj kavaliroj**
Aŭdu! nia vojo estas elektita
H. (pli rapide ol P.)
Celita, signita, provita, hardita

---

P. Por ke jam baldaŭ ni venku sonore
**Lernu Esperanton!** Semu ĝin fervore!

In. Unu **du.** Unu **du.**
Vir. **Unu du tri. Unu du tri.**

---

P. (enfalante)
Ni devas Esperanton **ĉie, ĉiam** uzi
In. Ni volas esperante ŝerci kaj amuzi
Vir. Ami, amindumi, demandi, respondi
In. Edziĝi, blasfemi, kanti, korespondi
Ĥ. Ni volas esperante anonci, aĉeti
Veti kaj hazardi, monegon forĵeti
In. Preĝi kaj vojaĝi.
Vir. Komerci, profiti
P. (ironie)
Bedaŭrinde ne povas ni ja nur militi!!
Ĥ. Unu **du.** Unu **du.** Unu **du.** Unu **du.**

---

P. **Atentu publiko!** Aŭskultas vi ĉu?
(vigle)
Volus mi nun scii, ĉu vi estas pretaj
Respondi al miaj demandoj enketaj?
Vir. Kion ni havas en kap'
In. Kaj kion en kor'
Ĥ. (forte)
**Demandu!** Demandu! Ni **petas** vin sinjor'
P. (laŭte kaj flue)
Ĉu vi ne forgesos nian lingvon iam?
Ĥ. (entuziasme, forte)
Neniam! Nenie! Nenie! Neniam!
P. Ĉu vi iam **neos** nian lingvon ie?
Ĥ. Ni juras: **nenie,** nenial, **nenie!**
P. (iom malrap.)
Aŭ ĉu vi ne ŝanĝos nian lingvon ial?
Ĥ. Neniel! Nenie! Neniam! Nenial!
P. (malrap.)
Kaj — ĉu nia lingvo sklavo estos ies?
Ĥ. (malrap., majeste)
Nek ĉi ties, nek ties, sed **trezoro ĉies!!**
Krakovo, je Sankta Nikolao 1931.

# POLLANDA KRONIKO.

**BYDGOSZCZ.** En la loka Societo okazis dum la lasta novembra ĝenerala kunveno novelekto de la estraro: prof. Wojciechowski prezidanto, Edmund Fethke, vicprezid., Forge sekr., Franciszek Prengel vicsekr., Kazim. Janowicz kasisto, Wład. Pfefferkorn vickasisto, Reinhold bibliotekisto. Oni elektis kiel honorajn membrojn de la Societo la malnovajn pionirojn s-rojn d-ron Lewiński, Szulc, Pankratz. — La 28. 11. la Societo aranĝis publikan Esperantan vesperon en la aŭlo de la Humanista gimnazio. La grandaj plaĉaj afiŝoj allogis kelkcent homojn, kiuj venis aŭskulti paroladon de prof. dr. St. Peliński en pola lingvo „Kun Esperanto ĉirkaŭ la terglobo". La parolado, kiun ilustris ĉ. 70 lumbildoj el la Esperanto-movado (fabrikitaj parte laŭ afable sendita fotomaterialo el la redakcio de Heroldo!), tre interesis la publikon kaj montris okulfrape la grandan disvastiĝon de Esperanto en ĉiuj medioj tra ĉiuj kontinentoj. Post paŭzo s-ro Jean Forge faris provlecionon laŭ metodo de Cseh kaj sukcesis bonege, precipe ĉar li sciis multe amuzi kaj ridigi la grandamasan publikon, kiu respondis ĥore kaj „forte, kuraĝe, elegante" al liaj demandoj. Inter la ĉeestantoj oni rimarkis negron s-ron Kola Ajayi, kiu nun fervore lernas Esperanton. En la du Csehmetodaj kursoj de Jean Forge partoprenas pli ol 75 personoj. — En la „Koło Absolwentów Szkół Handlowych" (Rondo de iamaj komerclernejanoj) dum la ĝenerala kunsido s-ro Edmund Fethke havis paroladon pri Esperanto en pola lingvo.

En la aŭlo de la Ŝtata Klasika Gimnazio okazis la 15 dec. grandstila Zamenhof-vespero (Uroczysta Akademja Esperancka), kiun aranĝis komune la lokaj

„Societo Esperanto" kaj „Scienca Esp. Rondo". Preskaŭ 500 personoj plenigis la salonegon. Impona manifestacio! La riĉa programo konsistis el fortepianludoj de la konata virtuozo prof. Bergman, el esperantlingvaj kantoj kaj deklamoj, el violonsoloj ktp. La ĉefan paroladon en pola lingvo havis prof. Sygnarski pri la temo „La signifo de Esperanto por la pola kulturo", la esperantan paroladon pri la temo „Esperanto, la lingvo de l' poetoj" havis Jean Forge, kiu deklamis je la fino la „Siberian lulkanton" de Julio Baghy. Ambaŭ oratoroj, kiel ĉiuj aliaj prezentantoj rikoltis multegan, ofte ne ĉesantan aplaŭdon. La gazetaro raportis tre favore pri la vespero, kiu faris grandan impreson en la tuta urbo.

**CZORTKÓW.** Fondiĝis ĉi-tie du Ĉe-metodaj kursoj gvidataj de la ĉarma kaj lerta instruistino f-ino Leonja Frucht el Lwów. Partoprenas en ambaŭ kursoj 70 gelernantoj. La ejon afable disponigis tute senpage la altŝatata lerneja inspektoro s-ro Inglot kaj direktorino de la knabina lernejo s-ino Zajączkowska.

Unuan fojon (en historio de l' urbo) festis Czortków la naskiĝtagon de Majstro. La gekursanoj aranĝis solenan vesperon kun sekva programo: Paroladis pri vivo kaj verko de Zamenhof (f-ino Fruchtówna L.), deklamis belege kaj inspirite la „Preĝon sub la verda standardo" edzino de deleg. de U. E. A. s-ino B. Oberlaender vel Sternberg. S-ro Józefo Opacki (profesoro de gimnazio) parolis pri esperanta movado kaj laŭtlegis leteron al Pastro Cseh verkitan de li en nomo de gekursanoj. Kortuŝis la aŭskultantaron la parolado de delegito de U. E. A. sinjoro Oberlaender vel Sternberg pri ekesto de esperanta vivo en Czortków, pri interna ideo de esperanto pri sukcesoj de Ĉe-metodaj kursoj, pri celoj de U. E. A.

F-inoj — Duhlówna kaj Kohnówna deklamis, tre bele esperantajn poemojn — „Malgranda lernanto" (la plej juna kursano) bele kaj humore deklamis poemeton „Verda Stelo", F-ino Goldhaber legis „vivantan gazeton" sprite redaktitan de f-ino Fruchtówna. Per kantado de l' Espero finiĝis la festo.

**DĄBROWA GÓRNICZA.** Esp.-kurson por 16 pers. gvidas S-ano J. Smalec tute senpage. — Inter la membraro de Pola Esp. Asocio „Ĉielruĝo" eliĝis la penso organizi muziksekcion. Pro malmulto da personoj jam povantaj ludi, S-ano B. Kasprzyk entreprenis gvidi lecionojn de muziko ankaŭ senpage. Laŭ la observo oni povas esperi, ke laboro de S-ano B. Kasprzyk donas bonajn fruktojn. — La 21 XI. 31 j. la Asocio aranĝis en Popol-domo dancamuzon por membroj kaj simpatiuloj. Kvankam nuntempe pliparte la dancamuzoj en nia urbo donis deficiton, tamen nia dancamuzo entute sukcesis. — La 15. XII. 31 j. en Asoci-ejo okazis la „Naskiĝdatrevena Vespero". La programo konsistis el: Kantoj, ludoj, paroloj kaj deklamoj. Je la speciala atento meritas: S-anino Skibówna pro bele kantita „La Kozako" de Moniuśko kaj S-ano M. Grzanka pro bone prilaborita referato „Zamenhof, liaj penoj kaj celoj".

**KATOWICE:** La Societo de Esperanto Amikoj aranĝis la 19-an de decembro sian Dro Zamenhof-Memorfeston, je kiu partoprenis proksimume 150 personoj. Bona orkestro zorgis pri la muzika parto. Per paroladoj en esperanta, pola kaj germana lingvoj oni honoris la majstron. Samideano Tichawski parolis pri la Esperanto-literaturo kaj demonstris belajn bildojn per projekci-aparato. Komedieto de Maria Hankel estis prezentita de kelkaj gesamideanoj. Fantazi-dancon dancis du ĉarmaj fraŭlinoj. Tiun feston eluzis samtempe la estraro por honori la laborojn por la societo flanke de samideano Tichawski per praktika donaco, kaj sro Tichawski menciis en la dankvortoj, ke tiu donaco instigos lin pluen labori por la bono de la movado. Ĉar la tagon antaŭe la Societo finis kurson kun bona sukceso (pli ol 40 personoj restis fidelaj al la lecionoj) estis transdonita al la kursgvidanto, sinjoro Faruga, de unu el la kurspartoprenintoj artista memorlibro, en kiu troviĝis la nomoj kaj fotografaĵo de la kursanoj. Je la fino de la vespero amuzis samideano Dlugaj per bonegaj humoraĵoj la ĉeestantojn kaj ĉiuj forlasis la feston plene kontentigitaj, ĉar ĉiuj denove travivis gajajn horojn en nia Societo.

**LWÓW.** La pasintan monaton mortis en aĝo de 55 jaroj la patro de nia fervora samideanino F-ino Emilja Scharf en Lwów. Kvankam mem ne esperantisto li estis granda simpatianto de nia ideo kaj movado, tial li ankaŭ estis en nia Societo konata kaj ŝatata gasto. La lvova Societo partoprenis la enterigon kaj elkore kunsentas kun la restinta edzino kaj du orfoj.

**WILNO.** Ĝis la lasta tempo nia movado en Vilno ne havis indan sukceson, estinte malhelpata de diversaj malfavoraĵoj. Venkinte tutan vicon da malhelpoj nia malnova samideano K. Gerŝater, (Del. U. E. A.) en la fino de 1930 komencis denove labori por nia afero kaj mirinde ĝin sukcesigis. Sub la protekto de la

fama Vilna Kleriga Societo „Vilbig" li fondis komence grupeton da esperantistoj, poste kurson de li gviditan ĝis julio 1931. La kurson finis proksimume 15 personoj, el kiuj specialan intereson por nia ideo kaj movado elmontris f-no G. Nahemen, s-ro M. Bejrak kaj f-no F. Behakówna. La du unuaj fariĝis tiel fervoraj esperantistoj, ke eĉ sukcesis akiri kapablecon gvidi du novajn E.-kursojn. Tiam S-ro K. Gerŝater, partopreninte la XXIII-an en Krakovo kaj reveturinte hejmurben, faris publikajn paroladojn, raportante pri la Kongreso dum 2 vesperoj. Ĉi-tieaj gazetoj enpresis favorajn menciojn pri tiu raporto kaj tuj ekinteresiĝis pri E. multnombra inteligentularo. Enskribiĝis multaj personoj por nova E.-kurso, gvidata de S-ro G. Gerŝater en la societejo de „Vilbig".

Samtempe laŭ inicato de K. Gerŝater ĉe „Vilbig" fondiĝis E.-klubo kun supera kurso de li gvidata. — Tre fervore kunlaboras por nia afero la citita f-no G. Nahemen, kiu komencis gvidi E.-kurson en la ĉi-tiea Realgimnazio kun 30 partoprenantoj de la lernantaro kaj en la 8-klasa lernejo j. n. de „Frug" — 2 kursojn kun 60 lernantoj.

En la naskiĝtago de la Majstro, la 15-de n. m., en la salono de „Vilbig" okazis solena E.-vespero. — Parolis: Dro A. Goldburt, K. Gerŝater kaj Dro Gurvic. Oni ludis kaj kantis la Himnon kaj aliajn kantojn. Estis deklamataj poemoj de la Majstro. Post fermo de la vespero la nova esperantista familieto amuziĝis ĝis 3 h. nokte. — La vesperon ĉeestis kelkcent personoj. **Helenido.**

**Zgierz.** Antaŭ 2 monatoj fondiĝis ĉi tie Esperantista rondo ĉe Ŝtata Komerca Lernejo. Estas gvidata kurso, subtenata de s-o direktoro J. Cezak. La rondo havas 35 membrojn.

# KASRAPORTO

## DE LA INTERNACIA ESPERANTA POSTKONGRESO EN VARŜAVO 9 VIII. - 11 VIII. 1931.

| **Elspezoj:** | zł. |
|---|---|
| Tabulo sur la domo str. Zamenhofa 9 | 340.50 |
| Akceptejo k. Salono por Solena kunveno en Urbdomo | 115.— |
| Prezentado de „Edziĝo en Łowicz" en teatro str. Chłodna | 253.— |
| Tramoj por veturado de kongresanoj tra Warszawa | 50.— |
| Alpago al ekskurso al Wilanów, manĝaĵoj en Wilanów | 45.57 |
| Orkestro en kafejo „Varsovie" | 15.— |
| Florkrono sur la tombo de Zamenhof | 55.— |
| Presaĵoj | 170.50 |
| Diversaj elspezoj: poŝto, telefonoj, tramoj k. t. p. | 210.45 |
| Pago al „Heroldo de Esperanto" por enpreso de artikoloj pri Warszawa kun ilustraĵoj | 52.— |
| Pago al Sekretario por lia laboro | 140.89 |
| Kune zł. | 1.447.91 |

| **Enspezoj:** | zł. |
|---|---|
| Kotizoj | 1.214.44 |
| Donacoj por tabulo sur la domo str. Zamenhofa 9 | 203.15 |
| Resto de tagmanĝoj | 18.35 |
| Resto de loĝejoj | 11.97 |
| Kune zł. | 1.447.91 |

Warszawa, en Novembro 1931.
Kasisto: Józef Litauer.

# RECENZOJ.

LEO TURNO: **Kompletny podręcznik języka Esperanto dla początkujących.** Wydanie czwarte zmienione. Kraków 1932. Paĝoj 72. Prezo 1.25 zł. Ricevebla ĉe Pola Esperantisto.

Kompare al tri antaŭaj eldonoj de tiu konata lernolibro la kvara elmontras multajn plibonigojn, celantajn prezenti la lernotan materialon en kiel eble plej facila formo. Ĉiu leciono enhavas ian difineblan tuton kaj ne nur senrilatajn frazojn. La malfacilaj „iĝi" kaj „iĝi" estas vaste klarigitaj. Interese estas, ke koncerne tiun aferon, la aŭtoro venas al la samaj konkludoj, kiel Kalocsay en sia „Lingvo, stilo kaj formo". La tuta enhavo estas prezentita en 15 lecionoj.

KATALUNA ANTOLOGIO. **Jaume Grau Casas:** 401 paĝoj. Dua eldono. Eldonejo: Editorial Iberica. Barcelona 1931.

Kun grandega emocio oni kaptas ĉiam antologion de iu nacio. Sed mi dubas ĉu sen Esperanto oni povus tiel facile ekkoni Katalunan Antologion!

Tio estas unu el la plej gravaj celoj de esperanta ideo. La literaturo estas animo, koro kaj cerbo de l' popoloj. Ekkonante ilin, pli rapide povos fariĝi la tutmonda interkompreno kaj fine la interlanda paco. Ke similaj verkoj bone efikas, pruvas jam dua eldono de tiu valorega, impona kaj klasika libro.

La literaturo estas dividita je kvar partoj:

I-a Antaŭparolo — priparolas kronologie la historion de l' lingvo, unu el la plej malnovaj el ĉiuj latinidaj.

II-a Antikvaj aŭtoroj — prezentas al ni unuajn verkistojn, trubadurojn, kavalirojn simile kiel en franca literaturo.

Komencas tiun vicon Ramon Lull, de kavalira familio, paĝjo de l' reĝo poste granda scienculo, mortigita de Maŭroj en Afriko. Poste venas ses aŭtoroj. Estas mirinde trovi sin en la mezepoko kaj tiel facile kompreni la ĉarmon kaj spiriton de tiuj tempoj. Bedaŭrinde Esperanto ne povas esprimi arĥaikan stilon.

III-a Popolkantoj — Popolkantoj estas ĉiam la koloro de l' nacio. Sed principaj elementoj estas internaciaj. Tia plej valora ĉarmo estas ilia simpleco preskaŭ naiva sed plenkora. Baladoj plenigitaj de l' heroeco kaj fabeleco.

IV-a Modernaj aŭtoroj. 1845—1901 jaroj. Grandega varieca amaso de l' talentoj, genioj, pri kiuj precize skribi estas tre malfacile. Nur estas mirinde, ke en tridek kelkaj modernaj aŭtoroj trovas sin nur unu virino Clementina Ardieriu 1893 Ĉu en Katalonio ne estas talentaj virinoj, aŭ ĉu ili ne estas sufiĉe taksataj?

La materialo estas bonege aranĝita. Pri ĉiu aŭtoro estas mallonga studo kaj bibliografio. Lingvo esperanta klara kaj facila por komprenado. Tio estas belega kaj granda fundamento de l' internacia kulturo kaj scienco.

Ni devas nur tutkore ĵaluzi, ke ni ankoraŭ ne havas similan verkon de nia pola literaturo.

# DE LA REDAKCIO.

Al ĉiuj estimataj gratulintoj okaze de la Kristnasko kaj la Nova Jaro la Redakcio kaj Administracio tutkore dankas pro la afabla memoro.

Dolora sortbato trafis f-inojn Zofja kaj Helena Tryhubczakówna, novajn Esp-istinojn el Kraków, kies patrino mortis pasintmonate. — Ni esprimas al ili nian plej sinceran kompatesprimon.

La nuna prokrasto de la gazeto estas kaŭzita de kialoj tute nedependaj de la Redakcio.

Ekzekutiva komitato de Pollanda Esp.-Delegitaro akceptis inviton de Pola Esp.-Asocio en Lublin por okazigi tie **Pollandan Esp.-kongreson** kaj konferencon de P. E. D., proponante samtempe kiel daton de tiu ĉi Pentekoston (t. e. 15 kaj 16 de majo k. j.).

Pro tro malmultaj abonoj al **„Pomocniczy Język Światowy"** ni ĉesigas provizore eldonon de tiu revuo, ĝis ni akiros la bezonatan kvanton da antaŭpagantoj. Ni varmege petas kaj insistas por subteno de la revuo, por ke ĝi ne malaperu. La jam pagintoj — ni petas — ne malpaciencigu.

Malgraŭ nia kora alvoko pri antaŭpagoj por **Ne-Dia Komedio**, ni devas sincere konfesi, ke ĝi ne efektivigis niajn esperojn — kaj venis tro malmultaj mendoj. Ni reepetas pri pluaj antaŭpagoj, por ke ni povu la verkon baldaŭ eldoni.

---

Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss. Kraków.

Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, ul. Stolarska 6.

# La konstanta, ĉiama kalendaro.

| La kvaronjaroj: | | | | |
|---|---|---|---|---|
| | 1 | Januaro | Februaro | Marto |
| | 2 | Aprilo | Majo | Junio × |
| | 3 | Julio | Aŭgusto | Septembro |
| | 4 | Oktobro | Novembro | Decembro ×× |
| 1 Dimanĉo | | 1 8 15 22 29 | — 5 12 19 26 | — 3 10 17 24 |
| 2 Lundo | | 2 9 16 23 30 | — 6 13 20 27 | — 4 11 18 25 |
| 3 Mardo | | 3 10 17 24 31 | — 7 14 21 28 | — 5 12 19 26 |
| 4 Merkredo | | 4 11 18 25 — | 1 8 15 22 29 | — 6 13 20 27 |
| 5 Jaŭdo | | 5 12 19 26 — | 2 9 16 23 30 | — 7 14 21 28 |
| 6 Vendredo | | 6 13 20 27 — | 3 10 17 24 — | 1 8 15 22 29 |
| 7 Sabato | | 7 14 21 28 — | 4 11 18 25 — | 2 9 16 23 30 |

× 31-a de Junio: Mezjartago. ×× 31-a de Decembro: Kromtago en ĉiuj kromjaroj.

**P r e f e r o j :**

1. Ciu kvaronjaro havas ĉiam 91 tagojn,
2. ties 3 monatoj konstante 31, 30, 30 tagojn (ĝis nun 7×31, 4×30, 1×28 aŭ 29 tagoj),
3. do ĉiu dato havas ĉiam la saman semajnotagon kaj
4. la festoj (religiaj, naciaj, privataj) ĉiujare la saman daton.
5. Tio estas gravega por ĉiuj klerikaj, lernejaj kaj administraj oficistoj kaj por ĉiuj negocistoj (teatristoj, trafikinteresuloj).
6. La 365-a tago de ĉiu jaro estu ekstersemajna festtago (eble mondpactago!) meze de la jaro inter sabato (30-a de Junio) kaj dimanĉo (1-a de Julio).
7. La kromtago estu same ekstersemajna festtago fine de ĉiu superjaro post sabato kaj antaŭ dimanĉo.
8. La jaro 1933 komenciĝas kun dimanĉo, ĝi estas tial precipe taŭga por enkonduki la praktikan novan ĉiaman kalendaron.
9. En propra intereso apogu ĉiu progresemulo kaj praktikulo la „Societon por kalendarreformo" (laŭ dro. inĝ. Rud. Blochmann) Lornsenstrasse 24 en Kiel, Germanlando, per akceldonacoj, per membriĝo (jarkotizo nur 4 gm. = 5 fr. Svis., = 1 Dollar, = 4 Shilling), per gazetartikoloj, per paroladoj ktp.

**Elpetu informojn, kiuj estos alsendataj senkoste!**

**HELPU VENKI!**

---

La ŝanĝo de nuna kalendaro je iu pli oportuna jam delonge interesas la homojn kaj la gazetaro prezentis ĉi-rilate kelkajn projektojn. La suba estas por ni tiom pli interesa, ke ĝi estas propagandata ankaŭ pere de Esp. **Red.**

---

Ni ripetas, ke ĉiujn gravajn informojn koncerne la Kongreson en Parizo ni konatigados pere de P. E. Individuajn respondojn pri la afero donas s-o Ludwik Kutscher, Redakcio de Pola Esperantisto, Kraków, Lubicz 34. Ne forgesu alsendi poŝtmarkon por respondo!

---

---

Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.

---

**Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, Stolarska 6.**